De la Federación Española de Esperanto



AÑO 38 N° 277 NOVIEMBRE – DICIEMBRE 1986

ESPERANTO

1887 1987
CENT ANYS
D'ESPERANTO

1ª SETMANA ESPERANTISTA A GIRONA

del 22 al 28 setembre

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya
Balmes, 38 Tel. (93) 7881839
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

Jarabono . . . . . . . . . . . 1500 p-toj

**ENHAVO**

La kovrilo: Afiŝo de la plej aktiva Esperanto-Asocio, Ĝirona Espero

**Paĝo**



Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 240 26 62
08028 BARCELONA

PREZIDANTO. Salvador Aragay

VICPREZIDANTO. Luis María Hernández

SEKRETARIO. Víctor Ruiz

VICSEKRETARIO. Josep Miranda

KASISTO. Joan Font

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros. Libreta núm. 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

JUNULARA SEKCIO (H.E.J.S.)
Sol, 75
41003 - SEVILLA

FERVOJISTA SEKCIO (H.E.F.A.)
Ronda S. Antonio 46-50, 2º 4º
08001 BARCELONA

TURISMA SEKCIO KAJ ELDONA FAKO
kaj "FUNDACION ESPERANTO"
Inés Gastón
Pº de la Constitución 35, 4º
5001 ZARAGOZA

LIBRO–SERVO
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID
Pagojn por LIBRO–SERVO
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ĈEFDELEGITO DE U.E.A. EN HISPANUJO
Juan Azcuenaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2º izda.
Tel. (942) 33 94 87
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13, 3º P-7
28015 MADRID

INFORMA OFICEJO
(Vakas)

# UNUA ASTURA KONGRESO DE ESPERANTO NAVIA, 27a ĝis 29a junio, 1986

Navia naskiĝis borde de la akvo kaj ĝi vivis ĉiam kunigite al la samnoma rivero, amindumante ĝin sur la strio de la riverbordo.

Navia kaj ĝia rivero starigas estetike kaj fizike eternan kaj feliĉan kreadon, kiu generis kaj harmoniigis niajn destinojn privatajn. Post rulfalado dancante en imponaj ravinoj, post fekundigo de belegaj valoj kaj montrinte al ni pentrita, arĝente kaj smeralde, la kaprican rubandon de sia kurado, la rivero Navia, ŝarĝita de historio perdiĝas en la Oceano, kaj tie ĝi malkovras la sekreton de siaj misteroj kaj la malklarajn sekvojn de siaj vivspertoj.

La ondoj redonas al la strando, dum la senĉesa fluso kaj malfluso, eventojn, fabelojn kaj mitojn, kiuj antaŭ longe estis dogmo kaj kredo. Por ni, la amema kuniĝo de la fluoj, la voluptema kopulacio de la akvo en la sabla fundo de la malprofundaĵoj, fariĝas spektaklo kaj miriga rigardado.

En ĉi tiu belega kadro okazis la Unua Astura Kongreso de Esperanto kiu malvolviĝis laŭ la jena programo.

**Vendredon, 27an**

Je la 18a horo, en la publika lernejo "Ramón de Campoamor" okazis la renkontiĝo de tiuj, kiuj ĉeestos la Kongreson, inter ili: s-ro Francisco Zaragoza kaj edzino; s-ro Vicente Molíns; s-ro Adonis Gonzalez kaj edzino; s-ro Julio Argüelles kaj aliaj, kune kun la elstara esperantisto el Navia s-ro Carlos Chápuli Motta, organizanto kaj "animo de la Kongreso". La Interkona Vespero estis tre amuza kaj agrabla.

**Sabaton, 28an**

Je la 11a horo, en la lernejo "Ramón de Campoamor" okazis la ekzamenoj pri Esperanto, kiujn prezidis s-roj Zaragoza kaj Molíns. Estis ekzamenitaj pluraj gelernantoj, inter ili kvar geinstruistoj de publikaj lernejoj el Navia: Mª Luz González Gudín, Florinda Rodriguez García, Mª Odilia P. Regodeseves. Arturo Prieto (ankaŭ direktoro de la Ĥoro "Villa de Navia"), instruistino Cruz Méndez Vega, el Puerto de Vega; María Carmen Junco kaj María Jesús F. Luiña, lernantinoj de Astura Esperanto-Asocio. Ĉiuj ekzamenitoj atingis "elstaran sukceson" kiel **Kapabla Esperantisto.**

Je la 17a horo, en la kinejo "Fantasio", solena inaŭguro de la Kongreso. Sur la prezida podio s-roj; Manuel Bedia, Urbestro de Navia; Ramón Fernández Cuesta, Direktoro de la publika lernejo "Ramón de Campoamor; Francisco Zaragoza, Delegito de I.L.E.I. kaj Santiago Mulas Gallego, Prezi-



*Meze s-ro Santiago Mulas prezidanto de Astura Esperanto-Asocio*

danto de Astura Esperanto-Asocio. Salutis Delegitoj de Grupoj, poste okazis disdonado de diplomoj al la sukcesintaj gesamideanoj en la ekzamenoj de I.L.E.I. pere de s-ro Zaragoza, disdonis ankaŭ diplomojn al niaj samideanoj: Julio Argüelles, Adonis Gonzalez kaj Santiago Mulas pro ilia aktivado por Esperanto. Dum ĉi tiu Kongreso estis starigitaj aliaj premioj konsistantaj el metalaj gravuritaj pletoj, kiuj estis aljuĝitaj al: s-ro Francisco Zaragoza, pro lia sindona por-Esperanta laborado dum la tuta jaro; al s-ro Julio Arguëlles, pro la Internaciaj rilatoj je la nomo de Astura Esperanto-Asocio kaj al s-ro Santiago Mulas, Esperanta Literaturo pro la historieto publikigita en

*Grupo da ĉeestantoj*

"Heleco" kaj titolita "La katineto de mia avino". Kiel ora broĉo de la inaŭguro okazis folklora festo dum kiu kantis la ĥoro "Villa de Navia".

**Dimanĉon, 29an**

Je la 11a horo, en la Kazino de Navia okazis kolokvo kies temo estis: "La Eŭropa Ekonomika Komunaĵo bezonas nian Internacian Lingvon", prezentita de s-ro José Carlos Chápuli, kiu diris: "La Ekonomika Eŭropa Komunaĵo konsistas el dekdu landoj kun dekdu malsamaj lingvoj kaj mia demando estas: Kiun lingvon ili devas paroli?. Ĉu hispanan, ĉu portugalan, ĉu anglan? Ni bezonas, ke en la Eŭropa Kongresejo estu esperantistaj parolantoj, sed tio ne estas ebla se ni ne estas politikistoj. Ni devas fari politikon, sed ne "ordinaran politikon", sed "kulturan politikon". Konklude; la Eŭropa Ekonomika Komunaĵo bezonas, pli bone BEZONEGAS la Internacian Lingvon". Poste okazis tre vigla kaj interesa kolokvo, kiun partoprenis multaj ĉeestantoj. La bankedo, kiu okazis en loka restoracio, estis la lasta programero de la 1a Astura Kongreso de Esperanto.

## KONKLUDOJ

**Konsiderante**, ke por atingi siajn celojn, ĉiu fako de la socio sukcesas nur per oportuna politikado, t.e.: senĉese efektivigante ian politikon, ĉu ekonomian, ĉu instru-edukan, ĉu arme-asociigan, ktp., ktp.

**Konsiderante**, ke Nia Lingvo, atinganta jam sian Centjaran Jubileon, ankoraŭ ne sukcesis esti agnoskita de la diversaj registaroj, malgraŭ la sindona laborado de ĉiuj esperantistoj kaj malgraŭ kelkaj sporadaj sukcesoj;

**Akcentas** la gravecon de adekvata politikado de ni ĉiuj, kiu tute ne estu la ordinara, kiun ni havas mense, sed serioza kaj deca Lingva Politiko ĉe la gravaj Oficialaj Institucioj, ĉu lokaj, ĉu provincaj, ĉu naciaj, ĉu internaciaj;

**Alvokas** por vigla strebado por atingi, ke kiel eble plej multaj esperantistoj enoficiĝu en tiajn Oficialajn Instituciojn, por disponigi gravan helpon por la citita Lingva Politiko;

**Kaj insistas** por ke ĉiu esperantisto ekagu per la koncernaj demarŝoj ĉe la lokaj Aŭtoritatuloj kaj Institucioj, kiel urbodomoj kaj similaj, proponante Esperanton kiel plej trafan solvon por la rilatoj internaciaj, por altiri la mondan turismon, ktp., ktp.

**Ekzemploj** pri la efiko de tiuj kontaktoj, kiujn ni proponas, estas, e.a.:

La Parlamenta Agado; La Novjorka Oficejo; la UNESKO-Rezolucioj: 4a 1.4.422 – 4224 en la jaro 1.954.

11a 4.4.218 – en la jaro 1.985.

Kompreneble, la plej gravaj sukcesoj estis atingitaj de veraj elstaruloj de nia Movado, kiel: Ivo Lapenna, Humprey Tonkin, Grègoire Maertens, ktp., ktp., sed iu ajn esperantisto, eĉ la plej modesta, kapablas en sia medio atingi ian sukceson por la Internacia Lingvo.

**Santiago Mulas**

# GRAVA SUKCESO DE ESPERANTO EN SCIENCO

Tute ne atendite mi ricevis telefonan alvokon de farmaciista entrepreno, kun kiu mi komerce rilatas, dirantan al mi: Kara amiko, mi trovas min en embaraso, ĉar mia filo, kiu preparas sian doktorecon pri Biologiaj Sciencoj bezonas esperantan libron por prepari sian tezon, kaj tiucele la profesoro rekomendis al li kiel la plej kompletan kaj valoran libron pri la temo, kiun li traktas: Klasifiko de Likenoj; libro kiu nur ekzistas en Esp.

Al la demando, ĉu mi konas aŭ ne tiun verkon, mi devis respondi: tute ne, tamen mi pridemandos pri ĝi; mi momente nur povas proponi al vi esperantan vortaron kaj klarigi iomete kelkajn aspektojn de la lingvo por tiel faciligi la konsulton de la vortaro: Se li venas al mi kaj montras al mi la verkon, mi ion povas fari.

Post du tagoj mi ricevis lian viziton kaj certe mi konstatis, ke la menciita verko estas impona; ĝi estas 900-paĝa verko tute scienca, kies titolo, kiun mi montras, klare parolas pri la fakeco inter fakaj temoj, nome: "Likenoj de Okcidenta Eŭropo".

Mi devas gratuli sincere la aŭtorojn kaj konigi al ĉiuj la grandan favoron por Esperanto rezultatan el la klarigoj de la profesoroj G. Clauzade kaj C. Roux, la verkistoj, kiuj diras en la antaŭparolo:

"Fine ni elektis verki ĉi tiun libron en la Lingvo Internacia, proponita de d-ro Zamenhof kaj pli konata sub la nomo Esperanto, ĉar niaopinie endas nuntempe, ke la sciencistoj, se ne ĉiuj homoj, alprenu internacian lingvon, kompreneble ne forlasante la gepatran, kiu apartenas al ilia kulturo.

Nu, neniu el la naciaj lingvoj, eĉ el la plej uzataj en la mondo (franca, germana, hispana, rusa, usona-angla) ne povas pretendi fariĝi internacia pro manko de logikeco kaj precizeco, pro idiotismoj, dubasencaĵoj kaj malfacilaĵoj tiel elparolataj kiel gramatikaj. Nur la Lingvo Internacia mirige taŭgas pro gramatika simpleco (malesto de esceptoj), facila elparolo, parenceco semantika kun la latinaj kaj germanaj lingvoj — la plej konataj de la sciencistoj en la tuta mondo — kaj struktura kun multaj ne-hindoeŭropaj lingvoj, pro logikeco, precizeco kaj koncizeco, kiuj minimumvorte ebligas esprimon de la plej subtilaj nuancoj".

Profesoro P. Neergaard kontrolis certajn partoj de la libro. Nur la antaŭparolo aperas en franca lingvo kaj en Esperanto.

**Luis Mª Hernández Izal**

# PAĜOJ EL LA HISPANA BELETRO

## LA UNUA VERKO DE LA HISPANA LITERATURO

La unua verko de la hispana literaturo estas la poemo de Mio Cid, sendube vera arta juvelo: ĝi elstarigas la figuron de heroo kies ekzisto estas rigore konstatebla kaj tute certa, kaj ĉiuj personoj kaj lokoj kiujn oni aludas en la Poemo, ankaŭ estis rigore kontrolitaj kaj veraj. Verkita de anonima aŭtoro proksimume je la jaro 1140, ĝi estis la unua ĝesto. Ĝi konsistas el tridek partoj enhavantaj 3.730 versojn asonancajn pri la kastilia kavaliro Rodrigo Diaz de Vivar "El Cid Campeamor" (1.040 – 1.099 j.).

La unua parto de la manuskripto: "La kanto de l'ekzilo" ĝis la verso 1.085a, rakontas la viverojn de Don Rodrigo kiam li estis ekzilita, adiaŭas kaj forlasas la edzinon, batalas kun la reĝo de Zaragozo kontraŭ la maŭroj de Lérida, kiuj estis helpataj de la Barcelona grafo, kiun li kaptis en batalo, kaj kiun li poste liberigos...

La dua parto: "La kanto de l'edziĝoj" ĝis la verso 2.277a, rakontas kiam "El Cid" (dialekte araba SID, sinjoro) aliras al Valencio, konkeras ĝin, kaj petas al la Kastilia reĝo, ke liaj edzino kaj filinoj povu viziti lin. La reĝo akceptas plezure la peton, kaj siaflanke, petas al Cid, ke li akceptu la Infantojn de Carrión kiel edzojn de siaj filinoj...

La tria parto: "La kanto de Corpes" rakontas la malkuraĝon de la Infantoj de Carrión okaze de eskapinta leono, kiun "El Cid" gardis kaptita, antaŭ kiu la Infantoj honte forkuris. Ankaŭ ili sin montris malkuraĝaj dum bataloj. Ĉio, tio estis sufiĉa motivo de moko fare de la soldatoj de Don Rodrigo. Ofendite, la Infantoj petis permeson al "Cid" por foriri kaj kunporti siajn edzinojn al Carrión, sed en la kverkaro de Corpes, ili nudigis, suferigis kaj grave ofendis la filinojn de "El Cid", kiujn fine ili forlasis senhelpaj solaj en tiu arbaro... Sciinte tion Don Rodrigo, petis justecon al la reĝo Alfonso la 6a, kiu kunvokis Kortesojn en Toledo, kie "El Cid" defiis kaj venkis la Infantojn de Carrión, kiuj estis deklaritaj perfiduloj. La filinoj de "El Cid", Doña Elvira kaj Doña Sol, edziniĝis al la Infantoj de Aragono kaj Navarro, kaj tiel "El Cid" parenciĝis kun ambaŭ hispanaj reĝoj.

Nia karmemora samideanino Amalia Núñez Dubús, tradukis antikvan poemon pri tiu kastilia heroo, kiun ni transkribas ĉi sube al vi, celante reliefigi la figuron de tiu legenda homo kaj la belecon de la poemo:

## – CID' ALVENAS AL BURGOS. –

Alvenis Cid' Ruj Diaz —de Burgos al la Pordoj
Sesdeko da standardoj— lin sekvas kun honoro.
Eliris por lin vidi tre multnombraj homoj
Geburĝoj lin rigardas fenestre de la domoj
plorante ĉiuj: ilin kunpremas la doloro
kaj el ĉies buŝoj eliras nur parolo:
"Kia vasal' se estus al li bona sinjoro!"

Ĉiuj volus lin gastigi —sed kuraĝas ja neniu—
ĉar la reĝo Don Alfonso tre malamas mian Cidon.
La reĝ' venis al la urbo, antaŭ ol la vesperiĝo,
per vasalo konfidate —zorge sigelita skribo—
ordonanta ke la homoj kiuj Cidon ekgastigos,
la okulojn de l'vizaĝo kaj la havon li perdigos,
kaj eĉ pli iliajn korpojn kaj animojn.
Ne kuraĝas la kristanaj homoj al li diri ion;
grandan ĉagrenon havas, kaŝas sin el lia vido.

Al sia gastejo marŝis rekte la Batalisto;
sed li trovas ja la pordon fermita per la ŝlosilo
pro l'ordono de la reĝo Don Alfonso, pro la timo;
tial se li ne rompus ĝin per neni' ĝi malfermiĝos.
Vokas, per tre laŭtaj voĉoj la kunulojn de la Cido.
L'internuloj ne kuraĝas eĉ respondi vortesprimon.
La ĉevalon mia Cid'o pikis per la spronpikilo
al la pordo li alvenis ŝovas li el piedingo
la piedon, kaj frapbatas li la pordon sen utilo.
Ĝi ŝlosita bone estas —ne ricevas ĝi moviĝon.

Antaŭ mia Cid'aperas naŭjara infanino:
—Ja, bonhore, batalisto, ke kunprenis Vi armikon;
la reĝ'malpermesis; venis nokte hieraŭ la skribo
(al vasalo konfidita kun severa kontrolilo).
Ke al Vi ni ne malfermu nek gastigu vin por io;
Ni kontraŭe perdos domon kaj havaĵon, nian ĉion
kaj ankoraŭ, ve, ni perdos de l' vizaĝon l' okulvidon.
Cid'o, je malbono nia Vi profitos ja nenion;
sed vin savu la Kreinto per sanktegaj siaj virtoj.
Diris tion kaj al hejmo reeniris la knabino.
Cid'o vidis, ke de l' reĝo ne atingos senkulpigon,
lasis pordon, kaj al Burgos li rajdadis per rapido.

Derajdiĝis alveninte al preĝej' Sankta Mario,
surgenuis kaj preĝadis li per granda, kora fido;
post preĝado li denove rajdis kun la militistoj
kaj riveron Arlanzon'on li transiris post eliro.

Apud Burgos, tia urbo, sur la ŝtona riverlimo
Oni metis lian tendon, kaj elrajdis tuj la Cid' o,
Mia Cid' o, tiu kiu prenis je bonhor' armilon,
sur la ŝtonejo kuŝadis ĉar gastigis lin neniu:
ĉirkaŭ li restas la Liaj, estas bona la kuniĝo.

Tiel mia Cid' o kuŝas, kvazaŭ estus sur montpinto
Oni malpermesis al li ja en Burgos la gastigon.
El aferoj ĉiuspecaj, kiuj taŭgas por nutriĝo
Oni kuraĝus vendi al li eĉ por monermilo.

La temo pri tiu ĉi heroo, Rodrigo Diaz de Vivar, taŭgis dum jarcentoj kiel inspirfonto, por verki romancojn, poemojn, teatroverkojn, novelojn, kaj ĉiujn studojn, al aŭtoroj tiel elstaraj kiel Guillen de Castro, Lope de Vega, Hartzenbusch, Zorrilla, Ruben Dario, fratoj Machado, Marquina, Corneille, Victor Hugo, kaj multaj aliaj...

**A. Marco Botella**

---

# NIAJ GRUPOJ

### BARCELONO

La 28an de septembro en Barcelona Esperanto-Centro, post kunveno de la HEF-estraro, okazis la prezentado de la verko de María Rafaela Urueña "La Protección del Medio Marino", eldonita de la Sekretariejo de Publikigoj de la Universitato de Valladolid. La verkistino mem prezentis la libron kaj subskribis multajn ekzemplerojn aĉetitajn de la ĉeestantoj. Tiu grava verko de la profesorino M.R. Urueña, doktorino pri juro, traktas la aktualan temon pri la malpurigo de la Naturo en la maraj akvoj.

### MADRIDO

**Madrida Esperanto-Liceo** en ĝia organo "NIA VOĈO" sciigis, ke la ĥoro progresas: La kvar-voĉa ĥoro de la Liceo, fondita de Periko Villarig, tre sukcese kantis en la sidejo, antaŭ la someraj ferioj, kaj krome, ke ili ricevis tre bonvenan subvencion de la Ministerio pri Kulturaj Aferoj. Ĝi asignis al la Liceo subvencion de 135.000 p-toj.

### BILBAO

**La Grupo Esperantista de Bilbao** ricevis subvencion de "la Diputación Foral de Vizcaya". Ĝia monkvanto estis 125.000 p-toj.

# 71a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## KONGRESAJ REZOLUCIOJ

**— Rezolucio por Esperantistoj (movada alvoko) —**

La 71-a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta de 27 julio ĝis 2 aŭgusto, 1986, en Pekino, kun 2.482 kongresanoj el 53 landoj,

**esprimante** sian kontenton, ke la kongreso ne nur estis la plej granda internacia aranĝo ĝis nun okazinta en Ĉinio, sed ankaŭ la plej granda Esperanto-kongreso ekster Eŭropo,

**konstatante**, ke en Ĉinio kreiĝas potencialo de la nuntempa Esperanto-movado,

**gratulante** aparte la ĉinajn esperantistojn pro iliaj multflankaj kontribuoj al la internacia Esperanto-movado ĝenerale kaj al la kongreso specife,

**alvokas** al ĉiuj landaj kaj fakaj asocioj subteni laŭ siaj ebloj la movadon en Ĉina Popola Respubliko kaj en aliaj aziaj landoj, precipe per disponigo de rimedoj por praktika utiligo de la lingvo,

**substrekas**, kunlige kun la supra alineo, la neceson de konscia kaj sistema aplikado de Esperanto en scienco kaj tekniko kaj aliaj fakaj kampoj, kaj

**reapelacias** al la landaj asocioj digne omaĝi la centjaran jubileon de Esperanto per organizado de apartaj jubileaj kunvenoj, aranĝoj, eldonaĵoj, ekspozicioj kaj aliaj agadoj.

**— Rezolucio por eksterstarantoj —**

La 71-a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta de 27 julio ĝis 2 aŭgusto, 1986, en Pekino, kun 2.482 kongresanoj el 53 landoj,

**traktinte** kiel kontribuon al la Internacia Jaro de Paco la Kongresan Temon "Interkompreniĝo, Paco, Evoluo",

**emfazas** la bezonon de efika internacia lingva komunikado en spirito de egaleco por interkompreniĝo inter diverslingvanoj kaj homoj kun malsamaj mondkonceptoj,

**elstarigas** la fakton, ke progreso de la homaro en la materia, socia, kultura kaj teknika evoluoj eblas nur sub kondiĉoj de daŭra kaj stabila paco bazita sur plena interkompreniĝo,

**notas** kun kontento la favoran eĥon kaj subtenon, kiun trovas la kongreso flanke de ĉinaj aŭtoritatoj en la registaro kaj en politika, kultura kaj scienca rondoj,

**substrekas** la fakton, ke la internacia lingvo Esperanto povas efike kontribui al la pliprofundigo de la ligoj inter aziaj landoj kaj Azio, kaj aliaj kontinentoj, kaj

**alvokas** al la registaroj, ke surbaze de la Rezolucio Res 23/11.11 de Unesko favore al la centjara jubileo de Esperanto ili donu apogon al la Internacia Lingvo kiel rimedo de internacia intelekta interŝanĝo, precipe por la scienc-teknika progreso de la evolulandoj.

# UNIVERSALA ESPERANTO – ASOCIO

**Kotizoj por 1987**

| | | |
|---|---|---|
| MG | Individua Membro kun Gvidlibro tra la Esperanto-Movado | 480 p-tojn |
| MJ | Individua Membro kun Jarlibro | 1.200 p-tojn |
| MA | Individua Membro Abonanto (ricevas Jarlibron kaj revuon Esperanto) | 3.000 p-tojn |
| MJ–K | Individua Membro kun Jarlibro kaj revuo Kontakto (por personoj ĝis inkluzive 25 jaraĝaj) | 1.200 p-tojn |
| MA–K | Individua Membro Abonanto (ricevis Jarlibron kaj revuojn Esperanto kaj Kontakto) –por personoj ĝis inkluzive 25 jaroj | 3.000 p-tojn |
| SA | Abono al revuo Esperanto, sen membreco en UEA | 1.800 p-tojn |
| Kto. | Abono al revuo Kontakto, sen membreco en UEA/TEJO | 900 p-tojn |
| SZ | Kotizo por Societo Zamenhof: mecenata kategorio sen membreco | 6.000 p-tojn |
| PT | Patrono de TEJO pagas duoble Kontakto (sed ricevas nur unu abonon) por subteni TEJOn | 1.800 p-tojn |
| DM | Dumviva membro de UEA pagas por la tuta vivo en unu fojo 25-oblon de la kotizo de MA. Oni ricevas la Jarlibron, la revuon Esperanto kaj se kaj dum oni ankoraŭ estas malpli ol 26-jara, la revuon Kontakto | 75.000 p-tojn |

**Klarigo**

MG Temas pri nova, eksperimenta, kategorio kun membreco por la venontaj tri jaroj. De nun eblas aparteni al la individua membraro de UNIVERSALA ESPERANTO–ASOCIO kontraŭ la malalta kotizo de 480 ptj. jare. La novaj membroj MG ricevos, krom la membrokarto, ĉ. 100-paĝan depresaĵon de la Jarlibro, kiu nomiĝos "Gvidlibro tra la Esperanto-movado" kaj estos tiu parto de la tradicia Jarlibro, kiu ne enhavas la adresaron de la Delegita Reto.

Kompreneble, la **kompleta** Jarlibro aperados daŭre por la tradiciaj membrokategorioj de UEA.

Ankaŭ MG ricevos ĉiujare la Estraran Raporton pri la agado de UEA, rajtos partopreni ĝeneralan voĉdonadon kaj do estos plenrajtaj individuaj membroj de la Asocio.

# PENSOJ DE ZAMENHOF

**El la ANTAŬPAROLO al la unua eldono de la FUNDAMENTO KRESTOMATIO, 1903**

Prezentante pure kondiĉan rimedon de reciproka komuniĝado, la lingvo internacia, simile al ĉiu lingvo nacia, povos bone atingi sian celon nur en tiu okazo, se ĉiuj uzos ĝin plene egale; kaj por ke ĉiuj povu uzi la lingvon egale, estas necese, ke ekzistu iaj modeloj, gvidaj por ĉiuj. Tio ĉi estas la kaŭzo, pro kiu, cedante al la peto de multaj esperantistoj, mi eldonis la FUNDAMENTAN KRESTOMATION, kiu povos servi al ĉiuj kiel modelo de esperanta stilo kaj gardi la lingvon de pereiga disfalo je diversaj dialektoj.

Lerni la lingvon ĉiu povas laŭ ĉiuj libroj, kiujn li deziros; sed ĉar multaj esperantaj libroj estas verkitaj de personoj, kiuj ankoraŭ ne posedas bone la lingvon Esperanto, kaj komencanta esperantisto ne povus rilati al ili sufiĉe kritike, tial estas dezirinde, ke ĉiu antaŭ ol komenci la legadon de la esperanta literaturo, tralegu atente la Fundamentan Krestomation. Ne deprenante de la lernanto la eblon kritike proprigi al si ĉiujn riĉigojn kaj regule faritajn perfektigojn, kiujn li trovas en la literaturo, la Fundamenta Krestomatio ĉiam gardos lin de blinda kaj senkritika alproprigo de stilo erara.

Atentan tralegon de la Fundamenta Krestomatio mi rekomendas al ĉiu, kiu volas skribe aŭ parole uzi la lingvon Esperanto. Sed precipe atentan kaj kelkfojan tralegon de tiu ĉi libro mi rekomendas al tiuj, kiuj deziras eldoni verkojn en Esperanto; ĉar tiu, kiu eldonas verkon en Esperanto, ne koniĝinte antaŭe fundamente kun la spirito kaj la modela stilo de tiu ĉi lingvo, alportas al nia afero ne utilon, sed rektan malutilon.

**DEZIRAS KORESPONDI**

Kun hispanaj fraŭlinoj. Saman Mehran – No. 5 EAST GOLESTAN 2. sto SARBAZ squar Kod 16 – NORTH MADZ. I. DIEH – TEHRAN – IRAN

S-ro Jacek Lisowski, ul. Za Bursa 10, PI-38200 JASLO, Pollando. 28 jaraĝa inĝeniero, pri ĉiutaga vivo, kulturo, religio, sociaj problemoj, interŝanĝo de revuoj.

# 47a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Madrido de la 16a ĝis 20a de Aprilo 1987

1887 – JUBILEA JARO – 1987

---

# A L I Ĝ I L O  N-RO.......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ..........................................

Antaŭnomo, s-ro/ s-rino/ f-ino (1) ..........................

Aĝo (2) ................ Profesio (2)........................

Adreso ..................................................

Urbo .............. Poŝtkodo ....... Provinco (3) ..............

Mi aliĝas al la 47a Hispana Kongreso de Esperanto kaj sendas per poŝt-mandato, ĉeko, aŭ banko (1) la jenan sumon:

Kiel kongreskotizon en kategorio .................................. p-tojn

Kiel kongresdonacon .................................. p-tojn

ENTUTE: .................................. p-tojn

Plenigu apartan aliĝilon por ĉiu familiano samtempe aliĝanta

(1) Forstreku la nevalidan.

(2) Nur por statistiko.

(3) Eksterlandanoj menciu la landon.

Por uzo de la administracio:

| Pago ricevita | Konfirmilo sendita | Loĝejo mendita |
| --- | --- | --- |
| | | |

# KONGRESKOTIZOJ

| | | 31/6/86 | 31/12/86 | 30/3/87 |
|---|---|---|---|---|
| 1. | Kongresano ............... | 2.000 | 2.500 | 3.000 p-toj |
| 2. | Kongresano (Membro de HEF) | 1.500 | 2.000 | 2.500 " |
| 3. | Edzino de Kongresano ....... | 1.300 | 1.600 | 1.900 " |
| 4. | Edzino de Kong.(kateg. 2) .... | 1.200 | 1.500 | 1.700 " |
| 5. | Juna membro de HEJS (ĝis 26 jaroj) ............... | 800 | 1.100 | 1.300 " |
| 6. | Junul-o (ino) ne membro de HEJS ................... | 1.000 | 1.300 | 1.500 " |
| 7. | Eksterlandano ............. | | (SENPAGE) | |
| 8. | Infano ĝis 14 jaroj .......... | 900 | 1.100 | 1.400 " |
| 9. | Emeritaj gekongresanoj ...... | 1.000 | 1.300 | 1.500 " |

Membro de HEF-HEJS n-ro ........

Loĝejoj: Ni informos per HEF-BULTENO

**Rimarkigoj:**

1. Plenigu la aliĝilon kaj sendu ĝin al la kongresa sekretariejo: Liceo de Esperanto, Atocha, 98, 4°, 28012 MADRIDO
2. Sendu la koncernan kotizon al la 47a Hispana Kongreso de Esperanto, konto n-ro 16146-06, Banco Credit Lyonnais, Castellana, n-ro 39, 28001 Madrido.
3. La kotizo ne estos repagebla, eĉ se la aliĝinto ne partoprenas en la kongreso.
4. La aliĝilon oni pritraktos nur post ricevo de la koncerna pago.
5. Kongresanoj en kategorioj (2) kaj (5) devas sendi ateston de HEF pri la pago de la kotizo de 1987.
6. Se vi bezonas pliajn aliĝilojn, petu rekte de la kongresa sekretariejo: Liceo de Esperanto, Atocha, 98, 4°, 28012 – Madrido.

**Aliĝilo**

# VARSOVIO




Centjara Jubileo de Esperanto

**72a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO**
**25 jul. - 1 aŭg. 1987**
**Varsovio, Pollando**

**Konstanta adreso:** Universala Kongreso de Esperanto, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando

**Adreso de LKK:** p/a PEA, ul. Jasna 6, PL-00-013 Warszawa 1, Pollando

**Poŝtĉekkonto de la Kongreso:** n-ro 62 73 37 (nederlanda)

**Banko de la Kongreso:** AmRo Bank, Rotterdam, n-ro 42.69.01.444

*ĈIU ALIĜANTO UZU APARTAN ALIĜILON, FOTOKOPION AŬ SAMFORMATAN PAPERON – BONVOLU TAJPI AŬ SKRIBI PRESLITERE. LAŬBEZONE METU KRUCON EN LA KONCERNAJN KVADRATETOJN.*

**FAMILIA NOMO** ........................................ **VIRO/VIRINO**
*(por alfabeta ordigo)* *(forstreku unu)*

**CETERA(J) NOMO(J)** ........................................ **UEA-KODO** ..................

**KOMPLETA POŜTA ADRESO** *(nacilingve en latinaj literoj kun poŝtkodo ĝuste lokita)*

..........................................................................................

**LANDO** ........................................ **TEL. N-RO** ..................
*(en Esperanto)* *(kun prefikso)*

**NOMO/UEA-KODO DE KUNULO aliĝinta / samtempe aliĝanta** ..................

**PROFESIO/FAKO** ........................................ **NASKIĜDATO** ..................

☐ Mi aliĝas al la Kongreso laŭ la kondiĉoj presitaj sur la dorsa flanko;
mi sendas ĉi tiun aliĝilon kaj samtempe pagas laŭ la ĉi-suba specifo al:
☐ mia landa peranto (por Ĉinoj: LKK)
☐ Rotterdam
per: ☐ poŝtmandato ☐ poŝta ĝiro ☐ banka ĝiro aŭ ĉeko, aldonante 9,00 gld
aŭ: ☐ Mi sendas ĉi tiun aliĝilon rekte al Rotterdam – bv. debeti mian UEA-konton
☐ Mi ne povas jam aliĝi pro pasportaj aŭ transpagaj problemoj. Mi promesas pagi tuj post alveno en la kongresejo.

**Mi legis, komprenas kaj akceptas la kondiĉojn sur ĉi tiu aliĝilo.**

**DATO** .................................... **SUBSKRIBO** ....................................

| Por uzo de la administracio | |
|---|---|
| *uea-membro paginta por jaro*.................. | KOTIZO (en kategorio........) .................. |
| *konfirmo de peranto:* .................. | ADOPTA KASO .................. |
| *konfirmo de C.O.:* .................. | BLINDULA KASO .................. |
| *PAGO EN C.O.* / *KONFIRMILO* | LITERATURA KASO .................. |
| | ADOPTAJ GEPATROJ .................. |
| | BANKKOSTOJ (9,00 gld) .................. |
| *notoj* | ENTUTE |
| | Se vi aliĝas senpage, bv skribi ĉi tie la motivon .................. |

**LANDOGRUPOJ:**
La kotizoj varias depende de la lando de la aliĝanto, laŭ la jena grupigo:
A: Pollando (pagenda al LKK)
B: Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Germana DR, Hungario, Jugoslavio, Rumanio; ĉiuj landoj de Azio, (escepte de Israelo, Japanio kaj Korea Resp.), Afriko (escepte de Sud-Afriko) kaj Latina Ameriko (pagenda al la Landa Peranto)
C: Ĉiuj ceteraj landoj (pagenda al Landa Peranto aŭ al la Konstanta Adreso)

***ATENTIGOJ***
*Ĉiuj kotizoj pageblaj al Roterdamo estas pagendaj al Roterdamo*
*Nepre sendu vian aliĝilon kaj kotizon al la sama instanco*

| **KONGRESKOTIZOJ VALIDAJ ĜIS:** (ĉiuj en nederlandaj guldenoj) | **86 12 31** (1-a periodo) | | | **87 05 14** (2-a periodo) | | | **ekde 87 05 15** (3-a periodo) | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | A | B | C | A | B | C | A | B | C |
| KATEGORIOJ (vidu difinojn sube): | | | | | | | | | |
| 1. Individua membro de UEA | 60 | 70 | 160 | 75 | 88 | 200 | 90 | 105 | 240 |
| 2. NE individua membro de UEA | 75 | 88 | 200 | 90 | 105 | 240 | 105 | 122 | 280 |
| 3. Kunulo/junulo/handikapulo, individua membro de UEA | 30 | 35 | 80 | 45 | 52 | 120 | 60 | 70 | 160 |
| 4. Kunulo/junulo/handikapulo, NE individua membro de UEA | 45 | 52 | 120 | 60 | 70 | 160 | 75 | 88 | 200 |

**DIFINOJ**
**Individua membro de UEA**: Dumviva Membro (DM), Membro kun Jarlibro (MJ aŭ MJ-K), Membro-Abonanto (MA aŭ MA-K) aŭ Membro kun Gvidlibro (MG) en la jaro, kiam oni pagas la kongreskotizon. NE temas pri Aligitaj Membroj.
**Kunulo**: Tiu, kiu loĝas samadrese kun aliĝinto.
**Junulo**: Tiu, kiu je 87 01 01 estas malpli ol 26-jara. (Oni enskribu la naskiĝdaton aliflanke).
**Handikapulo**: Tiu, kiu povas pruvi sian handikapecon per kuracista atesto, kiun oni sendu **kun la** aliĝilo.

**Senpage aliĝas**:
– infanoj ĝis inkluzive 13-jaraj, akompanataj de plenaĝa kongresano;
– ne malhaveblaj akompanantoj de handikapuloj

**La kotizo ne estas repagebla,** senkonsidere ĉu la aliĝinto ne povas partopreni la Kongreson pro propra volo aŭ pro iu ajn ekstera kaŭzo, eĉ se la Kongreso ne okazas, aŭ okazas en alia urbo.

**La kotizo ne inkluzivas** loĝadon, ekskursojn, bankedon kaj eventuale aliajn aparte pagendajn aferojn pri kiuj informoj kaj mendiloj aperos en la Dua Bulteno.

**Por la limdatoj kaj aliaj kondiĉoj validas la dato de pago. Aliĝilon sen kompleta pago oni ne traktos.**

**Kongresaneco ne estas transdonebla** al alia persono.

**Karavanaj aliĝoj:** Grupo de minimume 25 personoj rajtas aliĝi kontraŭ 90% de la kotizo en kat. 1, eĉ se ili ne estas individuaj membroj de UEA. Karavana aliĝo eblas nur por landogrupo C. Petu plian informon ĉe la Konstanta Adreso.

**Kongresa Regularo** (ekstrakto): *"12. Al Universala Kongreso rajtas aliĝi ĉiu persono, kiu scias la Internacian Lingvon, kondiĉe ke li rekonu la Kongresan Regularon, submetiĝu al la leĝoj de la lando, kie okazas la Kongreso, kaj ke li faru nenion, kio povas malutili al la Kongreso."*

Kiu subskribas ĉi tiun aliĝilon, konfirmas sian respekton por la Kongresa Regularo kaj la laŭstatuta neŭtraleco de UEA, kiu organizas kaj aŭspicias la Universalajn Kongresojn.

## NEPRE SENDU VIAN ALIĜILON KAJ KOTIZON AL LA SAMA INSTANCO

# EL LA BELETRA REVUO
# FONTO




Fernando de Diego estas unu el niaj plej lucidaj tradukistoj. Kaj por solvi la taskon, kiun li metis antaŭ sin, li faris grandiozan kapriolon, nome: li redonis absolute precize la temon kaj la intrigon de la verko, sed forĝis al ĝi apartan beletran veston, en kiu li majstre ekspluatis la latentaĵojn de Esperanto, kiel ekzemple retroderivi **glekti** el **neglekti**, uzi proprajn neologismojn kiel **des-** 'sen...igi', **salveo** 'preĝo al la Virgulino Maria' **treso** 'longa harplektaĵo', ktp. Krome Fernando de Diego abunde kontribuigis la Neologisman Vortaron de Henri Vatre, kaj aldone vivantigis multajn vortojn, kiuj mucidas en vortaroj, ĉefe el PIV, en senprecedenca virtuozismo. Kiel asertis Jespersen en 1928, "ne sufiĉas, ke vorto troviĝas en vortaro de lingvo por ĝin fari facile komprenebla por ordinara homo": por tio, en lingvo kia Esperanto, kiu estas ĉefe skribolingvo, necesas literatura vivigo. La riĉa vortotrezoro, kiun Fernando de Diego cirkuligas en siaj libroj, estas unu el liaj plej atentindaj kaj dankindaj literaturaj trajtoj. Pro lia leksikona abundo, same kiel pro la harmonieco de la brila frazeologio, kiun li elegante movas, mi estas absolute ravita.

Resume: Esperantujo pliriĉigis sian beletron per tiu ĉi elstare bona traduko, kun malmultaj preseraroj (pĝ 5 -2 devas esti **kulisoj, pĝ** 25 -15 devas esti vimen-**korbo** ktp), kiu se lingve apenaŭ celeskas (en sia rakonto Cela preskaŭ ne novismas leksikone aŭ frazeologie, **kaj** ankoraŭ malpli semantike), **tamen,** el arta vidpunkto, diegeske, **suverene,** belegas.

*J. Régulo Pérez*

## ANTAŬ LA 100–JARA JUBILEO DE ESPERANTO

### –OPINIOJ–
### 2a

Kion oni povas diri pri la politika temo? Ĉu Esperanto, kiel lingvo havas sufiĉan forton por kunordigi la diversajn politikajn tendencojn ekzistantajn en la mondo? La politiko estas la reflekso de diversaj sociaj projektoj, kies celoj, laŭdire, estas plibonigi la vivon de la homo. En la mondo estas multaj politikaj tendencoj, kiuj siavice unuiĝas en grupoj, iufoje tre similaj, sed en aliaj okazoj, tre malsamaj. Nu, kion povas fari Esperanto en tiu politika labirinto? Ĉu ĝi devos fariĝi nova politika partio? Kaj denove prezentiĝas la sama demando, ĉu pro la fakto, ke ni ĉiuj parolas la Internacian Lingvon, regus inter ni plena interkonsento? Mi opinias, ke ne; tamen se iu utopiulo kredas, ke jes, kaj li praktike demonstras al mi sian sukceson, li jam povas enkalkuli min inter siaj adeptoj. En tiu tereno politika Esperanto eĉ povas malamikigi la homojn. Iam dum mia restado en Francujo, mi ĉeestis kunsidon en kiu troviĝis esperantistoj el Okcidenta Germanujo, usonano, francaj esperantistoj kaj mi. Mi povas aserti, ke en tiu kunsido rilate al la lingvo estis nenia problemo, malgraŭ ke tie estis reprezentataj kvar diversaj lingvoj. Sed mi ne povas tion diri, kiam ni diskutadis pri politiko. Miaj opinioj estis tiom malsamaj, precipe al unu franca esperantisto, ke anstataŭ brili la interna ideo, brilis la malamikeco inter du homoj. Je la adiaŭ, tiu franca esperantisto diris al mi, adiaŭ samideano, al kio mi respondis: samideano nur en la lingva tereno. En tiu kunveno estis multaj personoj kaj pro propraj kondiĉoj politikaj estis malakordo inter ni. Nu, vi atentigu tiun ekzemplon al la tuta homaro, kia estos la rezulto?

Ne, la tasko de Esperanto estas konkrete lingva. Sed la lingva problemo estas tre ampleksa kaj fakte troviĝas en ĉiuj facetoj de la vivo. Estas ĝuste pro tiu amplekseco, ke Esperanto estas influa, tio donas al la esperantistaro la eblecon agadi, moviĝi, kiel veraj perantoj inter ĉiuj aspektoj de nia ĉiutaga vivo. Sed bonvolu ne pensi, ke pere de Esperanto la mondo estus pli feliĉa. Ni ebligas pli facilan komunikadon inter la homoj, kiu donas al ni eblecojn influi kaj interveni en multaj sociaj kaj politikaj aferoj. Ni jam altgrade kontribuos aŭ kontribuas, por ke la homo pli feliĉa, sed ni ne devas trompiĝi, nek erarigi nian vojon, nian destinon. Mi povus aldoni multajn aliajn ekzemplojn, sed mi opinias, ke la supre prezentita jam sufiĉas. Tamen estas alia ero de nia ĉiutaga vivo, pri kiu ni, esperantistoj, povas fanfaroni, kaj kiun tutintence mi lasis la lasta. Nu, ĝi estas la lingva problemo. Grava, tre grava problemo en la mondo. Jes, jen nia tereno, jen nia grundo. Estas ne-

niu, kiu povas nei la kapablon de Esperanto en la lingva tereno de komunikado, kaj mi ne stribas interkonsentado, ĉar tio jam estas alia temo. Niaj kongresoj, renkontiĝoj, seminarioj kaj aliaj manifestacioj internaciaj sukcese montras al la mondo la bezonon de Internacia Lingvo kaj la taŭgecon de Esperanto tiucele. Jen nia tasko, montri al tiuj sinjoroj, "kiuj plenigas siajn orelojn pere de ferfadenoj kaj elektronikaj aparatoj, ke ili ŝajnas kvazaŭ simioj kun la kapoj plenaj de arbobranĉoj", ke ili atentu nian racian alternativan solvon. Kiam ni konvinkos ilin? Sendube tio estas la defio por la venontaj jaroj.

Luis Serrano Pérez

---

# POEZIA ANGULO

---

## AL LA MORTINTA AMIKO L. MIMÓ ESPINALT

Amiko mia mortis tre subite
Je la unua de l' monato Majo.
Min trafis tiu bat' neatendite.
Per ĝi foriĝis ĉiu Maja gajo.

Je la unua de l' monato Majo
Pro koratako ĉesis lia vivo.
Foriĝis tiel ĉiu Maja gajo.
Li lasis min en malespera drivo.

Pro koratako ĉesis lia vivo.
Neniam ni renkontis nin vizite.
Li lasis min en malespera drivo.
Amiko mia mortis tre subite.

*Rikardo Sulco* (Germanujo)

---

**DEZIRAS KORESPONDI**

S-ro Krzysztof Maksgmowicz — 39 jaraĝa, kuracisto-kirurgo 91-315 LODZ — KS. Brzoski 36, m.2. Pollando.

Gustavo C. Morales — Dandel nº 209 — e/n Cobas y Banrutia — Dpto: A Beche G'bcoa" — C. HABANA — Cuba.

# POEZIA ANGULO

## KARNAVALO

*al maria markova*

Bakanal'. Parade dancu
ĉar jen: alvenis Karnaval'!

Amuzu, moku, furioze
senbridiĝu. Gaj' eluzu

Simieske tiun revenkon
paganan. Impete, groteske

Batu ĉian falsan konvencion,
senmaskigu per maskoj ĝin! Ŝatu

Glorojn de libero en tagoj
efimeraj. Balau morojn

Rigidajn. Inavadu la stratojn,
festumu festenojn senbridajn,

Psikon liberigu kaj korpon.
Adoru fervore la riskon.

Rapidu, ĉar fasto karesma
galopas. Plezuron avidu.

Karnal' fariĝas la vivo
kiam ebrias Karnaval!

johano vélez
februaro 1984
(originale en Esperanto)

# HEF–KOTIZOJ POR 1987

Individua membro .............................. 1.500 pesetoj
Protektanta membro ........................... 3.000 "
Junulara membro (HEJS) ........................ 1.000 "
Emerita membro ................................ 1.000 "
Dumviva membro ............................... 30.000 "
La menciitaj membroj havas ĉiujn societajn rajtojn kaj ricevos la bultenon "Boletín" eldonitan de HEF.

* * * * *

Simpla membro .................................. 750 pesetoj
SM havas plenajn rajtojn por uzi la servojn de HEF, sed ne ricevos la bultenon "Boletin"

* * * * *

Kolektiva membro ................................ 60 pesetoj
Estas tiu, kiu aniĝas al HEF tra societo, asocio aŭ loka grupo aliĝitaj al la Federacio.
Tiu ĉi monsumo eniras entute en la Konton de Universala Esperanto-Asocio laŭ la regularo de U.E.A.

---

**SAMIDEANO, AĈETU LA VERKOJN DE LA KOMPETENTA GRAMATIKISTO LUIS MIMÓ ESPINALT, NOME:**

"Perfekteco de la Esperantaj Verboj kaj Decidaj Argumentoj" .. 170 p-toj.
"Tamen civilizitaj kaj Neĝbulo" ........................ 360 p-toj.
"Don Juan Tenorio" ..................................... 780 p-toj.
"Kompleta Lernolibro de Regula Esperanto" .............. 800 p-toj.
"Esperanto por la jaroj 2000" .......................... 1800 p-toj.
25 procento da rabato ekde 2000 p-toj. Por Hispanujo la prezoj inkluzivas la sendokostojn, por eksterlande ilin oni oldonos. Pagoj per poŝtmandatoj, ĉu enlandaj aŭ internaciaj.

Mendoj kaj pagoj al: Luis Serrano Pèrez. Font Nova, 32, SABADELL -08202 (Barcelona)

---

**DEZIRAS KORESPONDI**

Pri sporto, filatelio, turismo, fotografio kaj Esperanto. Ryszard Stempien – 33 YAROYN; Str: C. Sktodowskiey, 9 59-840 ZAWIDÓW. Pollando.

## LASTA NOVAĴO

HEF ricevis leteron el Valencio, kun dato 13a de novembro de 1986, en kiu respondis JES al la propono akcepti la organizadon de la 48a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO. La elektita provizora dato estas de la 25a ĝis la 30a de julio, 1988.

---

**LA ESTRARO DE HISPANA ESPERANTO – FEDERACIO KAJ LA REDAKCIO DE BOLETIN, DEZIRAS AL ĈIUJ ESPERANTISTOJ KAJ FAMILIANOJ**
**BONAN KRISTNASKON KAJ SUKCESAN JUBILEAN JARON 1987**

---

## ABONU "BULGARAN ESPERANTISTON":

Kiu verkita en renriproĉa Esperanta LIngvo disponigas al vi interesajn originale verkitajn en Esperanto aŭ tradukitajn literaturajn verkojn de bulgaraj kaj fremdaj aŭtoroj.
Por la Jaro 1987: 500 p-toj
Peranto: ADONIS GONZALEZ MEANA.– Apartado 242 – 33280 Gijón (Asturias)

## ABONU "BUDAPEŜTAN INFORMILON"

Kiu disponigas al vi interesan legaĵon kaj kies scienca rubriko liveras utilan signifon.
Abonkotizo por 12 numeroj: 1.000 p-toj
Peranto: ADONIS GONZALEZ MEANA.– Apartado 242 – 33280 Gijón (Asturias)


# HEROLDO
DE ESPERANTO

LA PLEJ OFTA INTERNACIA GAZETO DE LA ESPERANTO-MOVADO

**De 66 jaroj je la servo de la Internacia Lingvo**

- 16 numeroj jare
- Aktualaj ilustritaj raportoj el la tuta mondo
- Junulara, instruista, literatura rubrikoj, librorecenzoj, listo de fakaj artikoloj en Esperanto
- Duobla kongresa numero, kalendaro de internaciaj renkontiĝoj kaj kongresoj
- Libera tribuno de la legantoj, anoncetoj, ŝak-problemoj, krucvortenigmoj, foto-filmo
- Sciencaj suplementoj, ktp.

Jarabono: 13,00 usonaj dolaroj aŭ egalvaloro.

Abonebla ĉe la Landaj Perantoj aŭ ĉe UEA (37 guldenoj; por Nederlando 38,85 gld.)

Mendu provnumeron ĉe la redakcio: Calle de Juan Ramón Jiménez n-ro 28, 6° A, E-28036 Madrid 16, Hispanujo
Redaktorino: Ada Fighiera-Sikorska



GENERALITAT DE CATALUNYA

DEPARTAMENT DE CULTURA

EL DIRECTOR GENERAL DE DIFUSIÓ CULTURAL

GENERALITAT DE CATALUNYA
DEPARTAMENT DE CULTURA
16 06 19[illegible]
ENTRADA N°........ SORTIDA N° 1833

ASSOCIACIO CULTURAL ESPERANTISTA
Montseny, 5 1r.
SABADELL

(Vallès Occidental)

Distingit Sr/a.: Ramon Manau i Torres

Em plau comunicar-vos que la Comissió de Subvencions del Departament de Cultura, a proposta nostra, un cop comprovada la conformitat de tots els documents presentats i d'acord amb el que estableixen els apartats 6 i 7 de les Bases específiques de la convocatoria del concurs públic per a la concessió de subvencions a Associacions sense finalitat de lucre per a activitats de difusió cultural no ordinàries durant l'any 1986 (segons l'ORDRE del 3 de març del 1986, publicada al D.O.G. núm. 670 de 09.04.86), ha resolt de concedir-vos una subvenció de 150.000,- ptes., per a Organització del 59è. Congrés Internacional d'Esperanto.

Us adjuntem l'imprès de sol.licitud de transferència bancària, que ens hauríeu de fer arribar amb tota urgència per iniciar la tramitació de l'expedient. Acompanyant l'imprès, cal que envieu també les factures acreditatives de les despeses realitzades, en cas que les activitats ja s'haguessin celebrat.

En cas contrari, el termini per a la presentació de les factures s'ajustarà a allo que preveuen l'ORDRE d'1 d'octubre de 1980, en els seus apartats 7 i 8 (vegeu l'última part de la circular adjunta sobre "Documentació necessària...") i les propies bases del Concurs (punt 10). S'entendrà que renuncieu a la subvenció en cas que no respecteu aquest termini.

Per a qualsevol aclariment vulgueu trucar a la Secretaria d'aquesta Direcció General (telf. 318.50.04 - ext. 336), indicant la referència anotada al peu.

Cordialment vostre,

Albert Manent,
Director General

Ref*. 646/86

Barcelona, juny del 1986.






**1987 — abonvarba periodo: Ĝis la 28a de februaro**

Ĉiuj, kiuj abonas aŭ reabonas "El Popola Ĉinio" en la abonvarba kampanjo, ricevos unu artfaritan rulbildon.

**ABONTARIFO DE "E.P.C."**

| 1 jaro | 2 jaroj | 3 jaroj |
|---|---|---|
| 1.200 p-toj | 2.000 p-toj | 2.900 p-toj |

**SENPAGAN SPECIMENON DE "E.P.Ĉ." NI SENDAS LAŬ PETO.**

**KIEL ABONI**: Sendu la plenigitan abonilon kune kun via abonpago al nia peranto, s-ro Félix Gómez Martín strato Corbeta 8—5º A, 28042 — **MADRID**



NATURA ŜAŬMVINO

CAVA

# ESPERANTO

(REGISTRITA MARKO)

PARA PEDIDOS E INFORMACIONES
ESTEBAN ANGLADA
Apartado 12
08770 — SAN SADURNI DE NOYA (BARCELONA)